57-a Universala Kongreso de Esperanto
Portland / Oregon 29-a de julio - 5-a de aŭgusto 1972

Festparolado

Estimataj Sinjorinoj kaj Sinjoroj!

Ni kunvenas hodiaŭ por inaŭguri novan kongreson en Usono. Pro tio estas ege interese por vi aŭdi la vortojn de Doktoro Zamenhof dum la unua kongreso sur ĉi tiu kontinento.

"Lando de libereco, lando de estonteco, mi vin salutas! Lando, pri kiu revis kaj ankoraŭ revas multaj suferantoj kaj senkulpaj persekutatoj, mi vin salutas! Regno de homoj, kiu apartenas ne al tiu aŭ alia gento aŭ eklezio, sed al ĉiuj siaj honestaj filoj, mi klinas min antaŭ vi, kaj mi estas feliĉa, ke la sorto permesis al mi vin vidi kaj spiri almenaŭ dum kelka tempo vian liberan, de neniu monopoligitan aeron.

"Saluton al vi, Usono, plej potenca reprezentanto de la nova mondo. Ni, filoj de la malnova kaj maljuna kontinento, venis al vi kiel gastoj; ni venis al vi, por alporti al vi novan senton kaj novan ideon, ni venis por alporti novan kuraĝon al tiuj niaj, kiuj ĝis nun laboris inter vi kaj kies vortoj pri la nova popolo eble ŝajnis al vi tro fabelaj.

"Peco de tiu miksdevena kaj kore unuigita popolo nun staras antaŭ vi reale kaj vivante. Rigardu nin, aŭskultu nin, kaj konvinkiĝu, ke ni ne estas fabelo.

"Ni estas diversgentanoj, kaj tamen ni sentas nin samgentanoj, ĉar ni komprenas nin samgentanoj, havante nenian bezonon humiligi aŭ fremdlingve balbutigi unu la alian. Ni esperas, ke dank' al nia laborado pli aŭ malpli frue la tuta mondo similiĝos al ni kaj fariĝos unu granda homa gento, konsistanta el diversaj familioj, interne apartlingvaj kaj apartmoraj, sed ekstere samlingvaj kaj sammoraj. Al tiu nia laborado, kiu celas krei iom post iom unuigitan, sekve fortigitan kaj spirite altigitan homaron, ni nun invitas vin, filoj de Usono, kaj ni esperas, ke nia voko ne restos vana, sed ĝi baldaŭ eĥe resonos en ĉiuj anguloj de via lando kaj tra la tuta via kontinento.

Ĉi tiujn vortojn eldiritajn de Doktoro Zamenhof dum la 6-a Universala Kongreso de Esperanto en Vaŝingtono en la jaro 1910 mi elektis por montri al vi certan pli aktivan komencon de la Esperanto-vivo en Usono. Sed ni ne devis atendi 62 jarojn por alveni al ĉi tiu okcidenta parto de Usono. Jam en la jaro 1915 mallonge antaŭ la morto de Zamenhof kaj dum terura milito en Eŭropo okazis la 11-a Universala Kongreso en San Francisko, kie ni havos nian postkongreson.

La nuna Kongreso havas pli la karakteron de Pacifika Kongreso pro la ĉeesto iom pli granda ol kutime de kongresanoj el landoj ĉirkaŭ la Pacifika Oceano. Ĉi tiu periodo komenciĝis nur antaŭ sep jaroj kun la 50-a Jubilea Kongreso en Tokio, unua kongreso en Azio sur la alia flanko de Pacifiko. Ni denove do salutas Usonon kaj precipe la federacian unuon, la Ŝtaton Oregon kun la urbo Portland, kies gastamecon ni ĝuas.

Ni vivas tamen en alia epoko, multe ŝanĝiĝis en la tuta mondo kaj ni ne scias, kiujn vortojn Zamenhof estus elektinta por saluti nian nunan kongreson. Mallonge ni reiru al la aliaj partoj de la Zamenhofa parolado kaj ni montru la paralelojn.

Ĉu vere tiel multe ŝanĝiĝis? Zamenhof diris: "La celo, por kiu ni laboras, povas esti atingita per du vojoj: aŭ per laborado de homoj privataj, t. e. de la popolaj amasoj, aŭ per dekreto de la registaroj". Zamenhof konkludas tiurilate: "Plej kredeble nia afero estos atingita per la vojo unua, ĉar al tia afero, kiel nia, la registaroj venas kun siaj sankcioj kaj helpo ordinare nur tiam, kiam ĉio estas tute preta."

Ĵus antaŭ kelkaj tagoj amiko sendis al mi jenan eldiron:
"Esperanto troviĝas inter du polusoj, A. la registaroj
B. la civitanoj. La registaroj povas oficialigi Esperanton nur post kiam la civitanoj lernis la lingvon, la civitanoj nur inklinas lerni la lingvon post kiam ili vidas la utilon en la ĉiutaga internacia vivo".
Nenio nova do. Tamen ni vidu plu.
Farinte logikan esploron de la afero, Zamenhof resumas jene:
"Lingvo internacia ne povas esti alia ol Esperanto.
La evoluado de la lingvo fariĝos plej kredeble nur per tiu sama vojo, per kiu ĝi fariĝis en ĉiu alia lingvo, t. e. per la senrompa vojo de neologismoj kaj arĥaismoj."

Zamenhof parolis ankoraŭ pri aliaj lingvaj facetoj, delonge ne plu aktualaj.

Evoluiĝ' la lingvo mirinde. Ne nur la literaturo jam atingis altan ŝtupon precipe sur certaj kampoj. Kaj ni kun fiero povas mencii tion dum la Internacia Libro-Jaro. Pliriĉiĝas de tago al tago la provizo de fakvortoj. Novaj bezonataj esprimoj estas kreataj kaj transdonataj preskaŭ sam tage per radio, per la radiostacioj, kiuj mondvaste elsendas en Esperanto kaj kies valoro por la vivanteco de la parola speciala lingvo estas netaksebla.

Ni, parolantoj de la Internacia Lingvo, por kiuj interne de nia internacia kolektivo forviŝiĝis la lingvaj malfacilaĵoj kaj kreskis la internacia amikeco multe pli ol aliloke, donas la bonan ekzemplon por solvi ĉiujn lingvajn malfacilaĵojn en la mondo, sed denove ni renkontas diablan cirklon.

Oni aŭdas, Jes, la Esperantistoj estas por la solvo de la lingvoproblemo pere de Esperanto. Nature!

Tiuj, kiuj diras tion tamen verŝajne ne demandas, kiuj estas tiuj Esperantistoj, ĉar estas ne nur la homoj, kiuj nun denaske parolas la lingvon aŭ kiuj eklernis ĝin, ĉar ĝi estis elektebla en la lernoja programo. Estas ĉefe tiuj, kiuj post sufiĉe longa esplorado, venis al la konkludo, ke Esperanto pro ĝiaj diversaj ecoj nur povas esti la solvo de la lingvoproblemo, lernis la lingvon kaj aplikas ĝin diversmaniere. Pli kaj pli da eldiroj ekzistas de famaj homoj el ĉiuj sferoj de la pasinta kaj nuntempa vivo. Multaj lingvistoj ankaŭ post detala esploro konstatis, ke el lingvistika vidpunkto Esperanto estas plene taŭga por transpreni la rolon de Internacia Lingvo, ke la afero apartenas plue al la sociopolitika kampo, ke ĝi apartenas al la kampo de lingvopolitiko, Kaj tiu kampo ne nur estas scienca kampo., kaj progreso tie ne nur dependas de sciencaj kriterioj.

Por trovi solvojn por certaj gravaj problemoj, ne sufiĉas nur supraĵe koni la problemojn, por povi vere decide influi la iradon de la aferoj, necesas pli profunde konatiĝi kun la unuopaj demandoj, ĉiu en sia sfero, regiono kaj laborkampo, ĉiu laŭ siaj eblecoj.

Ankaŭ dum ĉi tiu kongreso la kongresa programo en siaj diversaj aranĝoj montras buntan bildon. Senkonsidere al ĉiuj aliaj laborkunvenoj kaj la ĉiam kreskanta signifo de la Internacia Somera Universitato en la centro de nia atento staras la temo pritraktota en la Dua Generala Kunveno "Monda turismo kaj lingva diverseco" kaj la temo de la Debato "La valoro de fremdlingva instruado en la lernejoj,"

La turismo povas esti unu el niaj grandaj ŝancoj, sed nur se ni plifortigas nian organizan strukturon tiurilate kaj se ni serĉas novajn vojojn de varbado kaj informado, ĉar nur se ni aplikas la modernajn metodojn tiurilate ni povas sukcesi.

Estas konato, ke la lerneja instruado de la lingvoj ne alportas la deziratan eblecon de lingva interkomunikado de la popolamasoj,

ĉar apenaŭ unu aŭ du procentoj de la homoj en plej evoluintaj landoj entute regas fremdan lingvon. Kaj tio en tempo, kiam la lingvistiko pli kaj pli evoluas, kiam pli kaj pli moderniĝas la metodoj de lingvoinstruado ankaŭ pere de specialaj teknikaj helpiloj, ĉio tio ne laste ankaŭ por la instigoj de usonaj lingvistoj kaj sciencistoj alifakaj.

Ankaŭ rilate la enkondukon de Esperanto en la lernejojn ni devas fariĝi pli fleksehlaj kaj pli multe adaptiĝi al la novaj bezonoj, prezenti Esperanton tie, kie ĵaluzaj homoj ne sentas tiel la konkurencon, en la baza lernejo kiel preparo por alilingva instruado, en transiraj ŝtupoj de orientado kaj kompreneblo, se ne estas aliaj oblecoj, kiel libere elekteblan fakon. Promesplenaj estas la eksperimentoj en la landoj de la kunordiga konferenco, en orienta Eŭropo. Espereble baldaŭ sekvos aliaj eksperimentoj en aliaj regionoj. Estos interese aŭdi precipe por la kongresanoj el Eŭropo, kiel prezentiĝas la problemo en la Pacifika kadro.

Kiel scianto la lingva problemo akriĝas de tago al tago: dependas de ni, kiel ni sukcesas prezenti la aferon en la koncernaj medioj. Detalaj studoj kaj konoj estas pli necesaj ol antaŭe. Ni utiligu pli grandskale niajn oblecojn, ĉefe la eldonojn de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo, la CED-dokumentojn, la revuon "La Monda Lingvo-Problemo". Por sukcese agi, ĉiu unuopulo devus havi pli da specialaj scioj, por povi pli sukcese pledi en siaj medioj, ĉar la neinformiteco estas ankoraŭ relative granda. Nur se ni bone konas la eventualajn kontraŭargumentojn, se ni povas doni faktojn kiel eble plej detalajn pri la vera lingva situacio, se ni prezentas en la lingvo de la koncerna homgrupo, kaj tio signifas ĉiam kun la ĝusta semantika, pragmatisma kaj socilingvistika kunteksto, ne nur laŭ leksika kaj sintakse ĝusteco, niaj pensojn tiam ni povas influi kaj trovi subtenon, kaj tion ni bezonas.

Tio nur povas iri kun daŭra organiza plifortiĝo de UEA, de la landaj asocioj, de fakaj organizaĵoj, de la lokaj grupoj la komuna baza laborplano, kiu adaptiĝu al la daŭre ŝanĝiĝantaj kondiĉoj en ĉies lando kaj medio, por ke ni per komuna laboro helpata de la eksteraj kondiĉoj de ĉiam pli moderna mondo pliproksimiĝu al stadio, en kiu ĉiu homo povos komuniki siajn pensojn kaj sentojn al ĉiu alia homo ne nur ĉirkaŭ Atlantiko aŭ ĉirkaŭ Pacifiko, sed ĉie, eĉ dum renkontiĝoj sur la luno.

Guenther Becker.

K O N G R E S A   B U L T E N O

57-a Universala Kongreso de Esperanto - PORTLAND (Oregon) Usono

29/jul/1972 - 5 aŭg/72



Vendredo, 28 julio 1972

La kongresa vivo komenciĝis! Jam venis esperantistoj el Eŭropo, Azio, Sudameriko kaj Kanado. Multaj esperantistoj el Usono venis por helpi la lokajn organizantojn. Komencis funkci la kongresaj giĉetoj, libro-servo, foto-servo, kaj aliaj.

GAZETARA KONFERENCO

Je la 15.00 horo okazis la gazetara konferenco. Flanke de la Kongreso estis sinjoroj Harry HOLMES, Victor SADLER, Guenther BECKER, Frank HELMUTH, James DEER, kaj Mikuláš NEVAN.

Dum la konferenco ĉeestis:

| | | |
|---|---|---|
| Gomez BRAVO | Radio | K E X |
| Joe FRAZIER | Ĵurnal-servo | Associated Press |
| Frank HANSON | Ĵurnalo | The Commonweal Regina, Saskatchewan, Kanado |
| Tillie HARRIS | Televido | Kanaloj 10 (NET) kaj 2 (ABC) |
| Frank NELSON | Radio | K P B S |
| Watford REED | Ĵurnalo | Oregon Journal |
| Ada FIGHIERA-SIKORSKA | Gazeto | Heroldo de Esperanto, Belgujo |
| Tal TRIPP | Televido | K O I N, Kanalo 6 |

La ĵurnalistoj montris tre grandan intereson por nia movado. Tuj post la konferenco, ili vizitis la libro-servon, la salonojn kaj giĉetojn de la kongreso.

KUNVENO DE LA LKK

Kunveno de la Loka Kongresa Komitato (LKK) okazis, por diskuti la lastmomentajn detalojn por la sukceso de la kongreso.

UNIVERSITATO DE PORTLANDO

Kelkaj kursoj pri Esperanto okazis en la Universitato de Portlando dum la pasintaj tri semajnoj. Nun la plejparto de tiuj gestudentoj partoprenas en la Universala Kongreso.

KATOLIKA MESO

La Katolika Meso dimanĉon okazos je la kvara horo posttagmeze (4 ptm) en preĝejo Sankta Mario (Saint Mary's), Couch strato (angulo 17th strato), je dekminuta promeno de la kongresejo. Bonvenon al ĉiuj kongresanoj.

K O N G R E S A   B U L T E N O

57-a Universala Kongreso de Esperanto - PORTLANDO (Oregon) Usono

29/jul/1972-5/aŭg/1972



Sabato, 29 Julio 1972

La kongreso jam ricevis la kutiman aspekton. Homoj amase venas ĉe giĉetoj kaj atendas siajn dokumentojn. Ĉiuj kongresaj instancoj ekfunciis.

14.00 INTERNACIA EKZAMENO

Okazis la 29.7.1972 sub prezido de D-ro V. Sadler. Inter la publiko estis ses personoj el kvin landoj. La tagordo konsistis el: ekzameno internacia, buŝa parto. Ekzamenato: J. H. Fulton el Los Angeles, Usono; K.N-ro 249. Ekzamena komisio estis: V. Sadler, W. Auld. La kandidato ne sukcesis.

18.00 INTERKONATIĜA VESPERO

Pli ol sep cent ĉeestantoj venis en salono "ZAMENHOF" kie okazis interkonatiĝa vespero. Dum tiu vespero kiu daŭris ĝis noktmezo, oni povis renkonti siajn malnovajn amikojn aŭ konatiĝi kun novaj amikoj.

PUPTEATRO POR PLENKRESKULOJ

S-ro Daniel LLORDS, fama internacia marionetisto, prezentas sian KONCERTTEATRON EN ESPERANTO dum la Portlanda Kongreso. Ĉi prezentiĝos je mardo, la 1-a de aŭgusto en la LINCOLN HALL TEATRO de Portlanda Ŝtata Universitato, je la oka vespero.

Daniel LLORDS naskiĝis en Kalifornio, Usono. Li ludis Mozart-koncerton je aĝo de 7, rolis poste en filmoj kun Judy Garland, Jack Benny, Charles Laughton, Maurice Chevalier, Bing Crosby kaj aliaj.

Li per la propra mano faris la 800 marionetojn, vestis ilin en silkoj kaj brodaĵoj elegantaj. Li prezentis la pup-spektaklon en multaj landoj. Pro tio ke li kunfandas kaj teatron kaj koncerton en novan arton: KONCERTTEATRO POR PLENKRESKULOJ. Tiamaniero li sukcesas konvinki tiujn personojn kiuj ankoraŭ taksis pup-teatron spektaklo por infanoj. Certe tiu ĉi spektaklo, en kadro de la Kongreso, altiros la atenton de ĉiuj.

DANIEL LLORDS akceptis inviton montri sian arton je la komenciĝo de la Kvara Pupteatra Internacia Festivalo en Zagrebo, Jugoslavio, septembro 30.9.1972 ĝis 7.10.1972

S-ino D. Vallon, en intervjuo
kun L. OhUiginn

POŜTA SERVO USONA PROVIZAS STAMPON

Dum intervujo kun s-ro Larry McLaughlin en la kongresa giĉeto poŝta, li diris ke la Usona poŝta aŭtoritato tiom alte taksas la kongreson laŭ graveco, ke ĝi donas la nomon "station" (stacio) al la poŝtoficejo en la kongresejo. Tie de funkcias oficiala poŝtisto; le ne estas esperantisto, tamen Larry kaj aliaj interpretas por li kiam necesas. La granda ronda nulig-stampo aperos sur ĉiuj poŝtaĵoj metitaj en la Kongresan po-stkeston. Ĝi portas la tekston INTERNATIONAL ESPERANTO CONGRESS STA., kun la datoj.

Larry ankaŭ diris ke longa artikolo pri Esperanto-filatelo aperis en Linn's Stamp News (filatela gazeto Usona), junio 5, 1972, paĝoj 22 ĝis 24 kaj 46 ĝis 49. Estas en angla lingvo.

K O N G R E S A   B U L T E N O

57-a Universala Kongreso de Esperanto - Portland (Oregon), Usono

29/jul/1972 - 5/aŭg/1972



Dimanĉon la 30-an de julio

Pli ol 800 personoj el 40 landoj kolektiĝis je la 10-a horo en la granda Sa Zamenhof de la Kongresejo Hilton por la Inaŭguro de la 57-a Universala Kongreso de Esperanto.

Post enkonduka pianludo la prezidanto de la Kongreso, S-ro Harry W. Holmes, Honora Prezidanto de U.E.A., oficiale malfermis la Kongreson salutante la oficialajn reprezentantojn kaj la kongresanaron el la tuta mondo per mallonga parolado. Finante, li prezentis la kongresan prezidantaron ĉe la estrada tablo.

Post liaj vortoj D-ro Sadler, direktoro de la Centra Oficejo de U.E.A., legis oficialajn leterojn de la Alta Protektanto per kiu li bonvenigis la kongreson kaj klarigis la malebleco reprezentiĝi sin dum la Inaŭguro. Same, sendis leteron la urbestro de Portland, kiu pro sanstato ne povis ĉeesti.

Nun ricevas la parolon la prezidanto de LKK, S-ro James W. Deer, por bonveniga parolado, en kiu li esprimas la ĝojon de la Usona esperantistaro, ke post 57 jaroj Universala Kongreso okazas denove en Usono. Varme dankas lin s-ro Holmes.

Post tio ĉi salutis la Kongreson la jenaj reprezentantoj de registaroj:

por Belgujo, P. De Smedt nome de la ministerio pri Nederlanda kulturo
FR Germanujo: Hans Skacel en la nomo de la federacia ministro pri eksterlandaj aferoj Walter Scheel
Israelo: telegrama saluto de David Ben Dov, ĝenerala konsulo en San Francisco, en la nomo de la registaro
Japanujo: K. Shiotani, vickonsulo por kulturaj aferoj, en la nomo de la ĝenerala konsulo
Norvegujo: Kapitano P. Bugge-Paulsen, komisie de la kultura sekcio de la departemento pri eksteraj aferoj.

Svedujo: Karl Söderberg nome de la registaro
Saluto telegrama de la prezidanto de UEA, prof. I. Lapenna.

Aliaj instancoj kaj eminentuloj:

D-ro Karlin M. Capper-Johnson, membro de la Honora Komitato, ĉeestis.
Prof. Stefan Zamenhof, membro de la Honora Komitato, salutis per sendendo.
Frank Mazzio, specialisto pri anglalingva instruo, eduka aŭtoritato de Oregon, salutis nome de D-ro Dale Parnell, ĉefo de publika instruado de Oregon.
A. Hoŝida voĉlegis saluton de la urbestro de Sapporo, Japanujo, ĝemela urbo de Portlando.
S-ino K. M. Capper-Johnson salutis nome de la Usona Komitato por UNICEF.
Jack Kirkwood, prezidanto de la Portland sekcio, salutis nome de la Usona Asocio por Mondfederalismo.
S-ino Cathy Schulze voĉlegis saluton de la Usona Sekcio de Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco.
S-ino Roan Orloff-Stone salutis nome de la Nacia Spirita Asembleo de Bahaanoj de Usono.
Mark Starr salutis nome de loca sekcio de la Usona Federacio de Instruistoj kaj nome de la landa prezidanto.

Salutoj de landaj asocioj:

a) Aliĝantaj al UEA
Aŭstralio: J. T. Haddern
Aŭstrujo: S-ino Grete Marischler
Belgujo: S-ino Elfriede Ernst
Brazilo: Francisco de Sousa Almada
Britujo: William Auld
Bulgarujo: Prof. S. Ĉugov
Ĉeĥoslovakio: L. Fiala
Danlando: T. Kehlet
Finnlando: F-ino Pirjo Läikinheimo
Francujo: S-ro Despiney
FR Germanujo: Helmuth Klünder
Grekujo: S-ino A. Sakellaropoulu
Hispanujo: J. A. Gonzalez Aboin
Hungarujo: letero de HEA
Irlando: L. OhHuiginn
Israelo: J. Giladi
Italujo: Ing. G. Azzi
Japanujo: S-ino Y. Isobo
Jugoslavio: Prof. M. Šaponjić
Kanado: Inĝ. P. Ronald
Koreujo: Prof. Li Unsang
Nederlando: O. Hoekstra
Norvegujo: Kapt. R. Bugge-Paulsen
Nov-Zelando: S-ro E. R. Dearnley
Polando: F. Szpilka
Svedujo: A. Blomberg
Svislando: M. De Sassi
Urugvajo: letero de Urugvaja E-Societo
Usono: William Harmon

b) Ne aliĝintaj al UEA:
Egiptujo: D-ro Nassif Isaac
Hindujo: telegramo de HEA
Kolombio: Eliberdo Vargas
Meksiko: Fidel Figueroa
Portugalujo: D-ro A. M. Correia Coimbra

Krome skribe salutis i.a.: D-ro J. C. Wells, estrarano de UEA
S-ino Donald E. Parrish, membro de UEA de post ĝia fondiĝo
Lehman Wendell, plej aĝa usona esperantisto
F. W. Rentmeister, ĉefdelegito por Aŭstrujo
Leningrada E-Klubo

Post tio, Günter Becker, Ĝenerala Sekretario de UEA, faris la festparoladon.

-o-

15.00 PROTESTANTA DISERVO
Okazis en UNUA PRESBITERIANA PREĜEJO Gvidis kaj predikis pastro Gerd Brinkmann, el Laggerich, Germanujo FR; asistis pastro Wayne Duffield, St. Petersburg (Florido) Usono. La orgenon ludis D-ro B. J. Balcar. Ĉeestis 60 kongresanoj.

16,00 KATOLIKA DISERVO
Okazis en Katedralo S. Mario. Kuncelebris 4 sacerdotoj: 2 italaj, unu polo kaj unu poldevena usonano. Ĉefa celebrinto, Rev. Albino Ciccanti; kun Rev. Corrado, Hilaro Szpilka, Rev. Sigmund Klimowicz. Tiu lasta predikis esperantlingve pri la neŭtrala revelaciita kristana religio kaj pri la neŭtrala internacia lingvo Esperanto. Pastro Sigmund bazis sian predikon je la ideo ke ĉiuj homoj estas kiel infanoj karaj al Dio. Rezulte, neniu nacio kapablu superi alian nacion koncerne lingvon en rilatoj internaciaj: nur neŭtrala, konceptita lingvo Esperanto nun estas taŭga "ilo" por interkomprenо inter nacioj. Ĉeestis 220 personoj el 20 nacioj. Inter ili troviĝis aliaj usonanoj kiuj admiris la lingvan unuecon kiun atingas la Esperantistoj. La celebrintaj pastroj apartenas al ordeno de Sankta Francisko el Assisi, patrono de la katolika esperantistaro.

16,00 BUDHISMA SERVO okazis en Oregona Budhisma Preĝejo. Partoprenis 8 personoj. Predikis rev. Nakagami el. Kanaja.

USONA VESPERO. Verŝajne partoprenis preskaŭ ĉiuj kongresanoj kaj eĉ aliaj gastoj entute ĉirkaŭ 800 personoj, en la plenplena salonego.

La programestro S-ro William Harmon, ridemanta, spritinklina, adaptiĝema al la situacio, kun la sama lerteco donis informojn pri dumpaŭza trinkaĵo, kaj klarigojn pri la programeroj.

La programo montris la riĉecon de la usona kultura vivo, precipe la anon apartenanta en diversaj kluboj. Tiaj kluboj aŭ flegas aŭtentikan kulturan esprimon, aŭ vivtenas malnovajn artformojn, kiuj formortus sen tia subteno.

Al la internacia publiko unue prezentiĝis spektaklo pri la praloĝantoj de Usono, grupo de Indianoj dancantaj en siaj kostumoj ornamitaj per plumoj, konkoj kaj sonoriletoj, kiuj per sia tintado akompanis la basan sonon de la granda tamburo kaj a-a-a-j kantado de la ĉeftamburisto, kiu ritme akompanis la paŝ-paŝetan dancadon jen pli, jen malpli viglan.

La grupo de ses "boys" (Knaboj), vestitaj kiel nuntempaj "kaŭbojoj", membroj de la ensemblo "Dr. Corn's Bluegrass Remedy" per siaj du-tri gitaroj, violono kaj apartaj instrumentoj, enportis en la salonon etoson de la usona pejzaĝo, kiam tra ĝi rajdis tagnokte lacaj rajdistoj, kies konsolo kaj ripozo estis la sono de la ritma kanto, ofte banaligita en diversaj sub-kvalitaj "western"-filmoj.

La sesopo sukcesis, per sia muzikado kaj kantado, krei la impreson pri aŭtentika esprimo de tiu tipa usona melodio.

Kantis ankaŭ 11-membra virĥoro, "The Meistersingers", prezentinte urbanan kantkarakteron de la usona popolo en kantoj dediĉitaj aŭ al okazaj eventoj aŭ al operostilaj arioj.

Al tiu kanto-riĉa vespero kontribuis per vere bela voĉo kaj kanto-stilo F-ino Pauline Nortness simpatie provinte venki la esperantan tekston, kion ŝi nur parte sukcesis

Oni finis la sukcesan vesperon kun la preĝeja ĥoro "Maranatha", konsistanta el plejparte negraj kantistoj - la popolo kies melodio profunde penetris en la usonan muzikan esprimon.

La 30-membra ĥoro kantis kelkajn eklezikarakterajn kantojn, en la stilo kiu entenas same de entuziasmo tiom da emocio, sed ankaŭ lerton kaj scion kanti kolektive.

Ne, ne estis nur kantoj. Ankaŭ dancistoj apartenantaj al la grupo "Barn Owls" (La Strigoj), tiaj grupoj nur en Portland ekzistas 50, prezentis sin en siaj buntaj tre larĝ-jupaj virinaj vestaĵoj, dancinte sub la direktado de la talentita kantistodirektisto iaspecan "kvadrilan" dancon pitoreskan kaj viglan kun karakterizaĵoj de la pasinta epoko.

La kongresa vespero dediĉita al la nacia kulturo, fariĝis jam tradicia parto de la kongresa programo. Usonanoj per sia "Usona Vespero" certe kontribuis al pozitiva bilanco de tiu programero. Multegaj fotoj, bona impreso, longedaŭra rememoro -- tio restos ankaŭ post la finita kongreso.

Jes, nur unu riproĉeto, iom tro longa daŭro tri horoj. Eble tion, sendezire, kaŭzis la ĝentileco de la LKK, kiu regalis ĉiun kongresanon per senpaga trinkaĵo dum la paŭzo. Dankon, LKK!

Emilija Lapenna.

K O N G R E S A   B U L T E N O

57-a Universala Kongreso de Esperanto, Portland (Oregon), Usono
29-a de julio - 5-a aŭgusto 1972

---

L U N D O, la 31a de julio 1972 

9,00 KONFERENCO DE TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO (TEJO) okazis sub la prezido de s-ro Guy MATTE, estrarano de la organizo. Partoprenis 30 personoj el 10 landoj. Estis traktitaj du temoj: "Ĉu la moderna vivo polucias la menson?" kaj rezolucio de francoj, prezentita al la konferenco pere de la Estraro de UEA. En sia prezento de la unua temo, s-ro Matte jene starigis la problemon: La moderna vivo pere de siaj komunik-modioj superŝutas nin per valor-taksoj kiuj celas konformigi nin al iu ŝablono. En kiu maniero ni povus kontraŭstari tiun aferon?

En vigla diskuto kiu poste sekvis, partoprenis pluraj ĉeestantoj, konsentante, ke konformiĝo ne gravas kiam temas pri aferoj [redacted] trafiko, domoj, vestaĵoj k.s. Gravas kiam temas pri valoroj kiujn la registar-oj aŭ aliaj instancoj volas trudi al ni. Nur per plibonigo de la eduksistemo povos la estontaj civitanoj akiri distingopovan pensmanieron.

Pridiskutint-e la de francoj p-roponitan rezolucion, oni interkonsentis ne aprobi ĝin pro la fakto, ke oni trovis ĝin tro idealisma kaj neaplikebla. Anstataŭe, la ceestantoj interkonsentis pri jena REZOLUCIO:

La konferenco de Tutmonda Esperantista Junulara organizo (TEJO), okazinta la 31an de julio 1972 en Portland (Oregon), Usono, kun 30 partoprenantoj el 10 landoj

ATENTIGAS la junajn esperantistojn, ke la Internacia Lingvo ne estas sufiĉe konata ekster iliaj rondoj. Rekomendas al ĉiuj junaj esperantistoj ekaktivi en neesperantistaj junularaj organizoj (NEJOj) kaj agi interne de ili, klopodante aperigi informajn artikolojn, aranĝi diskutojn kaj eluzi personajn kontaktojn.

PETAS, ke la junaj esperantistoj klopodu starigi E-kursojn, sed atendi, ke plenkreskuloj helpu ilin.

9,00 INAŬGURO DE LA INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO okazis sub prezido de rektoro d-ro David K. JORDAN en ĉeesto de pli ol 150 personoj . La rektoro faris inaŭguran paroladon pri instruado de fremdaj lingvoj en Usono, priskribante la ĝeneralan kontraŭstaron al la instruado de fremdaj lingvoj en la universitatoj de Usono kaj donante statistikajn informojn pri la malmulta uzado de la studitaj lingvoj antaŭ kaj post doktoriĝo. Tiu fenomeno povas deveni de naciismo, de nem-sufiĉeco de la anglalingva medio, de la lingva unueco en Usono aŭ de la manko de unu fremda lingvo rivala al la angla en sciencaj studoj. Ĝuste tiu manko de evidenta rivala fremdlingvo povas doni ŝancon al Esperanto enpenetri usonajn universitatojn, kondiĉe ke ĝia pozicio unue plifortiĝu en universitatoj de Eŭropo aŭ alia mondparto.

Poste s-ro W.Auld prelegis pri la temo "Kompara literaturo - ĉu ebla studobjekto?" (Pri la prelego vidu resumon en la Kongresa Libro). La prelegon ĉeestis pli ol 150 personoj.

9,00 EKSKURSO: RONDVOJAĜO EN PORTLANDO per aŭtobuso. 32 personoj faris ekskurson kun bona gvido de Sinjorino E. Helmuth. Ili povis vidi multajn belajn aferojn. Dum tiu ekskurso ili vizitis multajn interesajn lokojn.

10,30 INTERNACIO DE MILITREZISTANTOJ. Okazis sub la prezido de Ken Thomson. Partoprenis ĉin 50 personoj el 10 landoj. Estis vigla diskuto. Multaj parolis kiel ekzemple D-ro Hegalli (Egiptujo) pri vegetarismo kiel morala ago, Armin Doneis (Usono) pri konsidero de la breĉo inter potenchavuloj kaj malriĉuloj, Jose Vasquez (Usono) pri sia propra rifuzo militservi.
La ĝenerala sinteno estis ke ni elektu pli taŭgajn kaj efikajn pozitivajn pensmanierojn kaj esprimojn.

10,30 KOMITATO DE U E A kunsidis en salono "Zamenhof" sub prezido de H. W. Holmes. Partoprenis 26 personoj. Ĉefa diskuto estis pri la Estrara Raporto de 1971-72.

10,30 UNIVERSALA MEDICINA ESPERANTO-ASOCIO. Raporto ne atingis nin.

14,00 I.S.U. okazis sub prezido de lektoro de ISU doktoro David K. Jordan. Partoprenis 100 personoj. Prelegon de D-ro Italo Chiussi "Pilgrimo al Mekko" voĉlegis D-ro V. Sadler.

14,00 KUNVENO DE E L N A (Esperanto Ligo por Nord-Ameriko) okazis en salono BAGHY sub la prezido de S-ro F. HELMUTH. Partoprenis 124 personoj el 19 ŝtatoj kaj 2 el fremdaj landoj. Tagordo konsistis el: Bonvenigo de la Prezidanto, salutoj de la ĉeestantoj, fakaj organizoj, financa raporto, rezolucio kaj propono komitato. La raportojn prezentis: S-ro HELMUTH pri E L N A, S-ro Mark Starr, S-ro Halcar, kaj S-ro Doneis. En la diskuto partoprenis multaj ĉeestantoj. Fine oni decidis presigi mil ekzemplerojn de E L N A membrolisto.

14,00 KRISTANA ESPERANTISTA LIGO INTERNACIA. La kunveno okazis sub la prezido de pastro G. Brinkmann (Germanujo). Partoprenis 40 personoj el 10 landoj. Ĉeestantoj aŭdis referaĵon pri la KELI-Kongreso okazinta en la Rochette (Francujo). La dua punkto estis prelego "Kristano en revolucia tempo" - prelegis S-ro L. Cook (Usono). Je la fino oni akceptis la jenan konkludon: Estu amoplena kaj tolerema kaj persiste atentu pri la paco en Kristo.

14,00 INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ RADIOAMATOROJ okazis sub prezido de B. CHAMBERS el Havajo, partoprenis 22 personoj el 3 landoj. B. Chambers prezentis raporton pri la kreskanta sukceso de la Pacifika Rondo de Radio-amatoroj. Bendo Baca el Meksikio legis leteron de la prezidanto de Meksika Ligo de Radio-amatoroj, Gorge Mendoza, kiu gratulis al ILERA pro ĝia bona propagando de Esperanto. Inter aliaj ĉeestis S-ro Naka Jima, fabrikanto de Sakeo, kun la edzino. Lia tuta familio dediĉis sin al Esperanto kaj Radio-amatorismo, (krom la gepatroj ankaŭ du filoj kaj la bofilino).
La decido estis reteni la ĝisnunan estraron sub prezido de Ed Lindberg el Usono.

16,00 UNUA ĜENERALA KUNVENO DE U E A okazis sub prezido de F-ino M. VERMAAS. Partoprenis 150 personoj. La tagordo konsistis el du partoj: Salutoj de la fakaj organizaĵoj, kaj la estrara raporto 1971-72. Salutis: Fervojistoj (S-ro Devis), Automobilistoj (S-ro G. Grattapaglia, Italujo), Skoltoj (S-ro Ronald, Kanado), LIBE, blinduloj (S-ro Pollard), ILEI, Instruistoj, (S-ro M. Dazzini, Italujo). Diversaj kongresanoj faris demandojn kaj rimarkojn pri la Estrara Raporto por la pasinta periodo au faris proponojn por la estonta agado.

Ankaŭ lundon kvar Esperantistoj lunĉis kiel gastoj de la Jurista Asocio de Universitata Klubo kaj diskutis pri problemo de atingo de paco laŭ leĝo kaj UNO kaj ĝia juĝejo.

INTERNACIA VESPERO - partoprenis ĉiuj kongresanoj, proks. 600 personoj. Gvidanto kaj reĝisoro: William AULD. Certe en la lastaj jaroj eĉ ne unu kongresa programero havis tiel eminentan gvidanton; akademianon, poeton, kiu per ŝerca enkonduko, spritante kaj vortludante komencis la gvidadon de la programo en kiu profunda poezio alternis kun kodlo-kantoj, polko-dancado kun muziko de Dvořak, teatra monologo kun kolektiva kantado de kanzonoj. Varieco, internacia etoso, diverseco de la arta nivelo, kontentaj kongresanoj kaj... iom tro longa daŭro.

La vesperon malfermis gesinjoroj Schnoor dancinte polkojn en tirolaj kostumoj, kaj ĝin fermis plaĉaj Japanaj junulinoj, kvazaŭ vivantaj porcelanaj pupoj, dancintaj laŭ la sonoj de delikata, fajna japana melodio de lanta ritmo.

Inter tiuj du, tre malsamaj dancoj, evoluis la tuta programo konsistanta plejparte el poemoj kaj kantoj. Deklamis Jan Neumann poemojn de Kalocsay, Baghy, Pič; kun ega vervo kaj enviviĝo deklamis ankaŭ William Auld mem poemojn de pluraj autoroj, inter kiuj ankaŭ de Zamenhof; deklamis la talentita usona poeto d-ro Balbin sian propran kreaĵon kaj la tradukon de la konata poemo "Mi Atendas."

Kantis s-inoj Erna Shepard kaj Janet Warm en plaĉa maniero, ne koncerta, tamen harmonia al la okazo. En la lasta parto de la programo ĉiun deklamitan kanton sekvis muzik-ero, prezentita por fortepiano de d-ro Balcar. Inter pli kaj malpli konataj muzikaĵoj apartan intereson altiris melodio de "La Espero" sed en komponista prilaboro de Gregorin, aŭ diversa ol estas la konata esperantista himno.

Grandan aplaŭdon ricevis vere aŭtentika kaj originale prezentita svisa jodlo-kantado. F-ino Lisa Ward mem akompanis sin per akordiono, pruvinte ke ŝi estas samo bona kantistino kiel muzikistino. La plej gajan etoson kreis komuna kantado de kanzonoj, sub gvidado de bus-harmonikisto Rikard König kaj gitaristo Sergio Dogal, tradukinto de la kantitaj tekstoj, kiujn la publiko ricevis de la enirejo, diference de la presita programo por la tuta vespero, kiu bedaurinde ne ekzistis.

La tuta aranĝo, nome, estis preparita en lastlasta momento kiam jam estis evidente, ke la anoncita profesia aktoro Rytkov ne venos, ke la polaj aktoroj ankaŭ forestos kaj ke la tutan programon oni devas krei dum unu-du tagnoktoj. En tiaj cirkonstancoj estis preparita enscenigo de la teatraĵo "Amforo", mia verko, prezentebla de, kiun reĝisoris kaj scenpretigis du junaj Usonaj esperantistoj, Duncan Charters kaj d-ro Richard Wood. Pri la kvalito de la teatraĵo, juĝu aliaj.

Programo de la "Internacia Vespero" pruvis, ke esperantistoj havas forton kaj kapablon ankaŭ en ekstreme malfavoraj cirkonstancoj krei logan kaj memorindan programon.

Emilija Lapenna

POST-KONGRESAJ ELSENDAĴOJ
K E P S (1450)

AŬGUSTO la 7-an:
8. 00 ptm. Preskonferenco; Inaŭguro; "Espero".

" la 8-an:
8.00ptm. Esperanto kaj Interlingvistiko.

" la 8-an.
9:00 ptm. Publika Informkunveno.

" la 9-an
1:30ptm. Intervjuo: "Ni Renkontu Esperantajn Vizitantojn., de la Kongreso".

" la 10-a
1:00 PTM. Publika Informkunveno.

Radiostacio K P B S elsendas Esperantajn lecionojn kvin tagojn semajne je la 3:15 ptm. de oktobro la 2-an ĝis majo la 30-an.

K O N G R E S A   B U L T E N O

57-a Universala Kongreso de Esperanto, Portland (Oregon), Usono
29-a de julio - 5-a de aŭgusto 1972

---

M A R D O, la 1-an de aŭgusto 1972. 

9.00 KONFERENCO DE TEJO okazis sub prezido de Matto Guy. Partoprenis 30 personoj el dek landoj. La ĉefa temo estis: Traduko kaj eltrovo de blasfemoj en Esperanto. La plej multe de la partoprenantoj eltrovis kaj provo tradukis de la nacilingvo en Esperanton diversajn blasfemojn en apartaj situacioj.
Fine oni decidis transdoni la trovitajn blasfemojn al S-ro Schumacher el Germanujo, kiu kompilas fakvortaron.

9.00 I.S.U.: okazis sub prezido de la rektoro de ISU D-ro David K. Jordan kaj partoprenis ĝin 25 personoj. Prelego de D-ro Wenclewska daŭris duonhoron kaj kelkaj ĉeestantoj starigis kelkajn demandojn al la prelegantoj, kiu tuj respondis kaj oni povas legi pli multe en la kongresa libro, paĝo 48.

9.00 LA INTERNACIA ESPERANTO-ASOCIO DE BIBLIOTEKISTOJ okazigis sian kunvenon sub prezido de S-ro P. Lareau. Partoprenis 30 personoj el 10 landoj. En sia diskuto G. King parolis pri problemoj de biblioteko "Hodler", ebleco de plia uzo. P. De Smedt parolis pri la danĝero de perdiĝoj al lokaj (de naciaj) kolektoj. M. Dazzini parolis pri instigo al fondo de centraj Esperantaj bibliotekoj en tiuj landoj kiuj ankoraŭ ne havas tiujn.

9.00 VETERANA ESPERANTISTA KLUBO   Okazis sub prezido de S-ro H. Starr, ĉeestis ĝin 22 personoj. Prof. D-ro Ralph Lewin parolis pri la lasta volo de sia patro, la fondinto de VEK Maurice Lewin kaj proponis peton de sia patrino, S-ino Lewin honorigi ŝian edzon. Estis propono: Fotografan portreton de S-ro M. Lewin elmontri en kesteto, en IEMW kaj samtempe ekspozicii bildojn pri gravaj okazaĵoj en la E. movado antaŭ 50 j. La propono estis akceptita. Ni konsentis kunveni denove venontjare dum la 58-a UK en Beograd. La informilo de IMEW restas nia oficiala a_udigilo kaj tial estas rekomendinde, ke ĉiuj Veteranoj ankaŭ estu membroj de la Internacia Esperanto Muzeo en Vieno.
En la aŭtuna numero de Informilo ni publikigos liston de la noveliĝintoj en la 1972. Estas decidite ke ĉiuj Esperantistoj, kiuj pli ol 40 jarojn restis fidelaj, ankaŭ estu en la membrolisto, momente ni registras 649 Esperantistojn.

9.00   AKADEMIO DE ESPERANTO   Nepublika kunsido de la Akademio okazis, partoprenis ĝin ses Akademianoj: Auld, Bugge Paulsen, Ĉugev, Sadler, Söderberg, kaj Solzbacher. Oni ne pritraktis iun temon formale, sed libere inter-ŝanĝis opiniojn pri kelkaj aktualaj temoj: neologismoj, geografiaj nomoj, la Plena Ilustrita Vortaro, superaj Esperanto-ekzamenoj kaj la 11-a Internacia Kongreso de Lingvistoj okazonta en Bologna (Italujo) de la 28-a de Aŭgusto ĝis la 2-a de Septembro.

10.30   DEBATO pri la temo "La valoro de fremdlingva instruado en la lernejoj" En sia enkonduko S-ro Günter Becker prezentis la rezulton de enketo en la Federacia Respubliko Germanujo pri la procento de plenkreskuloj kiuj regas fremdan lingvon. Farita sur alta scienca nivelo la esploro montris nur 2% sukcesis tion fari. Li citis interalie la vortojn de Rektoro Pipho konata fakulo pri la didaktiko kaj metodiko de la angla instruado, pledanto pri la mizeraj rezultoj de instruado pro tro komplikaj semantikaj profiloj, kion eĉ per pli frua komenciĝo de la instruado oni ne povas solvi klarigas unuflanke

la sisteman programigon de la pensado, kiu kredigas al la simpatiuloj por la angla, ke ĝia pozicio kiel mondolingvo estas perfekta, aliflanke li proponas Esperanton kiel lingvon por la baza lernejo.

Sekvis parolantoj el Usono, Svedlando, Bulgarujo, Belgujo, Italujo kaj Britujo. La ĝenerala opinio esprimita estis ke la plej promesplena propono rilate al la instruo de Esperanto en la lernejoj estas ke ĝi estu baza lingvo devige lernata de la fruaj jaroj en la lernejo. Tiel ĝi provizas praktikan komunikilon kaj estas la plej bona enkonduko en la studojn de fremdaj lingvoj ĝenerale.

La plej trafa punkto kiu montriĝis estis ke la studentoj kaj lernantoj nun protestas kontraŭ la lernado de fremdaj lingvoj ĉar ili observas ke post jaroj de klopodado iliaj antaŭuloj tute ne sukcesis atingi la celon praktike uzadi fremdan lingvon. Fakte en Usono la situacio fariĝas kriza tiel ke post nelonge konsiderinda nombro de lingvaj instruistoj estos senlaboraj.

Montriĝis tute interkonsente inter fakuloj ke la nuna situacio en diversaj landoj estas ... kaosa kaj ke daŭrigo de la instruado de fremdaj lingvoj plejparte estas pro la konkurenco inter la programoj de la politikaj partioj kiuj kredas ke se ili ne inkluzivas la instruon de multaj fremdaj lingvoj ili perdos sian prestiĝon. Tiu kredo estas instigata plejparte pro la nerealaj takso de la efiko de lingva instruado parte de lingvaj instruistoj. Fakte la plej granda proporcio de la lernantoj en lernejoj ne kapablas regi sian propran lingvon kaj neniam sukcesus regi fremdan lingvon.

De de la vidpunkto ke la lerno de fremda lingvo devus doni la celon de komunikado kaj scio de la kulturo de la fremda lando la instruo tute ne sukcesas. La sola grupo de personoj kiuj devas regi la anglan, germanan kaj rusan lingvojn almenaŭ tiel ke ili povu legi ilin estas la diversaj sciencaj fakuloj.

El la debato montriĝis ke la uzo de Esperanto kiel baza lingvo por lernantoj ne nur estas avantaĝo el la vidpunkto de internacia komunikado ĝenerale sed provizas valoran helpon en la lernado de aliaj fremdaj lingvoj.

9,00 EKSURSOJ: RONDVOJAĜO EN PORTLANDO Dekduo kongresanoj kolektiĝis antaŭ la kongresejo kaj faris ekskurson en Portlando. Entute partoprenis 80 personoj.

14,00 I S U Okazis sub prezido de la Lektoro de ISU David K. Jordan. Partoprenis 90 personoj. Prelegante estis D-ro Edmund Brent. Temo estis "Esperantologio". Vidu la resumon en la kongresa libro p. 49. Restis preskaŭ 50 personoj post la fino de la horo por diskutado, grandparte pri eventuala [illegible] renaske de la revuo ESPERANTOLOGIO. Oni speciale diskutis la rolon de la lingvouzado de komencantoj kiel studobjekton esperantologian. Ankaŭ estis demande pri vario en vokaloj kaj peto por plua eksplikado.

14,00 KUNVENO DE E L N A Kunvenis 70 Usonaj Esperantistoj, membroj de ELNA. Prezidis S-ro Francis Helmuth, prez. de ELNA. La membroj aprobis la estraran raporton, raporton pri la financa stato de ELNA, kaj raporton pri la du informcentroj, unu en orienta Usono kaj alia en la okcidento. Diskuto okazis pri la historio kaj nuna stato de Esperanto-informado. La ĉefa parolantoj estis s-roj Helmuth, Mark Starr kaj John Lewine.

IUE

14,00 INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA Okazis sub prezido de pastro Albino Ciccanti el Italujo. Partoprenis 30 personoj, el dek landoj. Ĉefa raporto estis pri la kongreso en Como, Italujo kiu okazis 1971. S-ro D. de Boer salutis por KELI. La ĉeestantoj decidis rekomendi ke la venonta IKUE-[illegible] Kongreso okazu en Beograd, Jugoslavio, [illegible] de [illegible] la ĵaŭdo vespero ĝis la sabato mateno tuj antaŭ la UK 1973. Kaj pêti la IKUE estraron pritrakti tion kun KELI.

14.00 - KUNLABORANTOJ DE LA SLIPARA KAJ ESPERANTISTA BILDVORTAROJ kunvenis, sub prezido de s-ro R. Eichholz. La 10 ĉeestantoj, el 8 landoj, diskutis la ĝisnunan laboron. S-ro Eichholz informis pri la farita kaj farota laboro. Duono de la Bildvortaro jam aperis en presprovaĵa formo. Je la fino oni decidis daŭrigi la laborojn laŭ la ĝisnuna maniero.

15.30 - SEMINARIO POR INSTRUISTOJ ĉeestis 6 personoj el pli ol ses landoj. D-ro Duncan Charters, kiu prezidis, raportis pri la temo: "Kiel oni utiligu konstatojn de Usonaj lingvistoj, psikologoj kaj pedagogoj pri fremdlingva lernado, por la instruado de Esperanto, kaj kiel praktike gvidi klasen por atingi frue rektan pensadon en Esperanto." Rimarkinde estas, ke la prelego mem daŭris unu horo kaj duono, tamen lasis unu horon por demandoj, en kiuj partoprenis S-ro Becker kaj deko da instruistoj.

Broŝuro "Konsiloj por la Instruisto de Esperanto" estas havebla ĉe la Libroservo, 50 cendoj.

16.00 - SKOLTA ESPERANTISTA LIGO okazigas kunvenon, en kiu partoprenis 18 personoj el 3 landoj. S-ro U.P. Ronald, kiu prezidis, legis la raporton de S-ro Hammer, Ĝen-sekretario. En vigla diskuto kiu sekvis, aŭdiĝis s-roj Boschen, Tokuda, Ronald, Philip. Oni konsentis ke, por esperantigi la skolto-movadon, necesus disvastigi informon loke, regione kaj nacie inter la mondaj estraroj de SEL kaj de la skolta movado mem. Oni decidis (1) plialtigi la kotizojn; (2) ke naciaj estraroj de SEL intertraktu pli ofte kun tiuj de la skolta movado en siaj landoj, pri Esperanto-instruado; (3) eldoni financan raporton ĉiujare; (4) ke SEL agu same pri la skoltinoj.

16.00 - OOMOTO tiris 70 personojn, el 15 landoj, al sia kunveno. Prof. Isao F. Hino prezidis. Okazis meditado laŭ Oomoto-maniero, sekvis du paroladoj, lumbildoj, teo-pentrado, en amika kaj ĝoja etoso. Multaj abonis la revuon "Oomoto".

16.00 - INTERNACIA ESPERANTO-KLUBO AUTOMOBILISTA kunvenis en Salono Grabowski sub prezido de S-ro Giuseppe Grattapaglia. La 30 personoj el deko da landoj aŭdis raporton pri la pasintjara agado, eldonplanon pri aŭto-teknika vortaro. Prez. Grattapaglia akcentis la ĉefe informan karakteron de la klub-agado ĉe ne-esperantistoj fakaj medioj. Ankaŭ nur en Usono, oni sendis informojn pri Esperanto en aŭtomobilismo al 70 aŭtomobilaj revuoj. La membronombro de IEKA estas nun 700 en 27 landoj, la centra oficejo troviĝas en Torino (Italujo), Corso Francia 4. Kelkaj personoj atentigis pri manko de informado al Esperantistoj pri IEKA kaj sugestis sciigi al la E-gazetaro por artikoloj, ktp. Leviĝis kelkaj demandoj pri la aŭtomobila terminaro kaj ties konformigo al la terminoj aperontaj en Duden-Bildvortaro. Nova estraro : Giuseppe Grattapaglia, prez.; Werner Bormann (Germanujo) kaj Raif Markarian (Britujo), vicprezidantoj; Franca Concina (Italio) Sekretariino.

20.00: TEATRA VESPERO.

La bela salono kun partero kaj balkono estis plenplena, Venis ĉiuj kongresantoj, proks. 600 personoj.

La gvidanto de la marioneta - pupteatra prezentaĵo "Llord's International", nigre vestita, grizhara kaj grizbarba viro prezentis la spektaklon titolinto ĝin "Muzika pupteatraĵo por plenkreskaj homoj.".

Unue el la kurteno - riĉa pupteatra sceneĵo, ornamita per multaj flagoj, eksonis la melodio de la usona himno, tuj poste aŭdiĝis la sonoj de la bela muzikaĵo de Stravinski "Fajrobirdo". La pupoj bunte kaj brile vestitaj, movigitaj per videblaj fadenoj, fakte ilustras la muzikon. Parolata teksto ne ekzistas. Ju pli klarsignifa estis la muzika esprimo, des pli sukcesa estis perpupa ilustrado. "Fajrobirdo" de Stravinski kaj "Capriccio Espagnol" de Rimsky-Korsakov sukcesis malpli (tro svarme de pupoj, ne ĉiam sufiĉe rapide obeemaj al fadenkomando) ol la "Pariza submondo" de Offenbach, kiu loga muziko estis plej lerte ilustrita per trafe kreitaj pupoj, fajreviglaj en dancmovoj.

La plej spritaj tamen estis malgrandaj scenoj en kiuj nur unuopa pupo ilustris la muzikan melodion. La ĉarma rokokoa-kavaliro ludinta pianon, rusaj dancistoj kaj super ĉio bonega parodio al kantado de opera primadono.

Cion direktis nur unu pupisto, kiu ankaŭ per propra voĉo helpis al furora kantado de primadono.

Post la prezentaĵo la pupisto montris afable al la publiko pupojn en proksime kaj donis plurajn informojn pri si kaj sia profesia laboro. Li ankaŭ Esperantan enkondukon parkeris ne sciante la lingvon same kiel li ne scias dekunu aliajn lingvojn, en kiuj li inaŭguras sian prezentaĵon.

Tiu pupisto plenigis per siaj marionetoj kaj muziko la kongresan teatran vesperon, destinitan por polaj aktoroj, kiuj ne venis.

Pupista prezentaĵo, sen vortoj, estanta nur ilustro de la kvalita muziko, krom plaĉaspekta spektaklo, flata por okuloj, entenas ankaŭ konsiderindan pedagogian kvaliton: ĝi faciligas komprenon de la muziko kaj vekas ŝaton por ĝi, kio estas grava eduka elemento.

Kompreneble, la pupisto estis regalita per forta aplaŭdo de la kontentaj spektantoj.

Emilja Lapenna.

21.00: MONDHIMNO-KONKURSO.
Ses personoj kunvenis, s-ro Guy Meyer prezidis. Sekvis diskuto pri organizado tutmonda por la konkurso. Oni raportis pri intervjuo kun Arthur Fiedler, komponisto. Parolis s-roj Decal, R.K. Jones, ges-roj Stone. Stariĝis provizora komitato por daŭraj rilatoj, estrino: Fratino Philipa, kongresano 497. Oni planas kunveni denove ĵaŭdon, 10.30 h, en salono Baghy.

K O N G R E S O  B U L T E N O

57-a Universala Kongreso de Esperanto, Portland (Oregon) USONO
29-a de julio - 5-a augusto 1972

Merkredo, 2-an de augusto 1972 N-ro 6 paĝo 1

9,30 I.S.U. : okazis sub prezido de la rektoro de ISU D-ro David Jordan kaj partoprenis ĝin 55 personoj. Prelegis D-ro Richard Wood (anstataŭ D-ro M.I. Isaev kiu neĉeestis la kongreson.) pri Piĝinaj kaj kreolaj lingvoj. Tiuj lingvoj meritas studon de lingvistoj, i.a. pro ilia samtempa aparteno al pli ol unu lingvofamilio.

9,00 respektive 14,00 EKSKURSO : RONDVOJAĜO EN PORTLANDO per aŭtobuso. Entute 80 personoj partoprenis la ekskurson sub bona gvido de Martha Walker kaj Edward Welden. Dum tiu ekskurso ili vizitis multajn interesajn lokojn kie ili vidis multajn belajn vidindaĵojn.
9,30, ORATORA KONKURSO : okazis sub prezido de S-ro Harry Holmes kaj al ĝi aliris 2 kandidatoj : F-ino Tamiko Kawakami (japanino loĝanta en Norvegujo) kaj s-ro Charles R. Power (Usono). La oratoran konkurson partoprenis 150 personoj kaj la oratoraĵojn prijuĝis juĝkomisiono konsistanta el : S-ro Holmes, S-ino Emilija Lapenna kaj S-ro Dunkan Charters. La unuan premion la komisiono ne aljuĝis. La duan premion gajnis S-ro Charles Power kaj la trian premion gajnis F-ino Tamiko Kawakami. Ĉar ambaŭ kandidatoj bone prezentis sin al la publiko, la komisiono gratulis al ili kaj ekdeziris ke ili daŭrigu studadon pri la oratora arto.

10,00 KUNVENO DE UNIVERSITATANOJ : okazis sub prezido de Richard WOOD Partoprenis ĝin 80 personoj el 30 landoj. La tagordo konsistis el :
angla-lingva diskuto de la lastatempaj antaŭenpaŝoj en la studo de Esperanto en la usonaj kaj kanadaj universitatoj. En la diskuto partoprenis 5 personoj kaj ili pridiskutis la jenajn temojn :
la nova Esperanto-sekcio en Modern Language Association, en USONO,
la historio de instruado de Esperanto en Usono, la nuna stato de E-Instruado en Usono kaj Kanado, metodiko de E-Instruado, preparado de listo de la usonaj universitatoj en kiuj Esperanto estas instruata kaj kiu poste estos prezentata al universitataj administrantoj kune kun la propono por E-kursoj. La diskuto estis surbendigita por uzo en la radio de la eduka sistemo de Ŝtato Oregon.

11,00 INTERRELIGIA KUNVENO : okazis sub la prezido de Prof. Itao P. hino. Partoprenis 100 personoj el 10 landoj. La tagordo konsistis el elekto de persono sub kies prezido okazos la kunveno kaj diskuto. La diskuton partoprenis 11 personoj kiuj esprimis sian deziron kunlabori al la komuna celo.

09.00 - RELIGIA EKUMENA KUNVENO okazis, sub kunprezidado de S-ro D. de Boer, KELI, kaj Pastro S. Klimowicz, IKUE. La 25 personoj el sep landoj aŭskultis prelegon de Pastro G. Brinkmann pri "Interkonfesia kunlaboro". Li konsilis ke ĉiuj strebu subteni la kontaktojn kaj reciprokajn interesaĵojn.

09.00 - LA VEGETARANOJ kunvenis sub aŭspicioj de TEVA. Prezidis D-ro Tadros Megalli. Ĉeestis 18 el 7 landoj. Li donis informon pri siaj spertoj kiel denaska vegetarano, kaj pri la Blanka Frataro en Bulgario. Ankaŭ parolis s-roj Djoudjev, Estling, Docal.

14.00 - BUDHISMA KUNVENO okazis en salono Yagi.

14.00 - INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO en Vieno, Aŭstrujo, havas siajn "kunlaborantojn". Ili kunvenis, aŭdis sonbendojn de s-ro Hugo Steiner, kiu laboris dum sia vivo por konservi la Esperanto-valoraĵojn; ili vidis diapozitivojn pri la Muzeo. Parolis s-roj Starr, Runser kaj Power. Oni decidis skribi al Prezidanto Franz Jonas [illegible] pri diplomataj rajtoj transsendi Esperantaĵojn el Usono al Vieno.

14.00 - LA JUNULARO. [illegible] TEJO kunvenis por informaj celoj, sub prezidado de s-ro Guy Matte. Ĉeestis 50 el deko da landoj - inkluzive de D-ro Sadler, s-ro Günther Becker, S-ro Tom Goodman, s-ro J. Pool, s-ro Hell, s-ro J.M.Liouville, kaj s-ro H.Holmes, la kongresa prezidanto.

16.00 - DUA ĜENERALA KUNVENO de UEA, en kiu partoprenis 150 personoj el pluraj landoj, pritraktis pri "Monda Turismo kaj lingvo-diverseco". Parolis s-roj Grattapaglia kaj Becker. Ankaŭ, 15 personoj intervenis, raportis pri siaj spertoj, sugestis metodojn de turisma agado. Oni proponos Rezolucion, sabaton.

ALDONA RAPORTO: Je 10.30, 31 julio, kunvenis la UNIVERSALA MEDICINA ESPERANTO-ASOCIO, prezidis D-ro H. Shinoda. Estis 36 personoj el 8 landoj. Oni elektis novan estraron: prez: Prof. D-ro S. Kato; vicprez: D-ro E.T.Salnikov kaj D-ro A. Albault; ĝen.sek: Prof. S. Yamazoe; ĉefkasisto: D-ro A. Barasi; inspektoroj: D-ro P. Kempeneers kaj D-ro I.Yamaga. Aldone: D-ro Ferenczy Imre, kiel "privata sekretario".

Jaŭdon, 3 aŭg. okazis la EKSKURSOJ. Pli ol deko da omnibusoj alvenis antaŭ la Hilton, por la kvar oficialaj ekskursoj - al la Pacifika Marbordo, al la Columbia rivero, al Monto Hood, kaj al Monto Hood ankaŭ por piedirantoj. Ekzemple, s-ro C.Power raportis altstile pri la Columbia rivero kaj pikniko, akvofalo, boatvojaĝo kaj Jantzen Beach. Aliaj vizitis salmo-bredejon, akvofalojn. En almenaŭ unu ekskurso la ŝoforo ricevis indan dankon, kaj...kison de belulino. Alia resumis: "Perfekta programo".

TEKSTO DE LA REZOLUCIO PROPONATA AL LA KOMITATO FARE DE LA REZOLUCIA KOMISIONO KIEL KONGRESA REZOLUCIO DE LA 57-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

La 57-a Universala Kongreso de Esperanto, kiun partoprenas 923 homoj el 40 landoj sub la ĉefa diskuttemo "Monda Turismo kaj Lingva Diverseco",

KONSTATAS, ke kvankam la monda turismo ĉiam pli vastiĝas, la lingvaj baroj malhelpas veran konon de vizitataj landoj kaj ties popoloj, kaj bremsas eblan plian evoluon;

ATENTIGAS, ke samtempa kaj komputila tradukmetodoj, eĉ se ili povos esti utilaj en internaciaj konferencoj, certe ne helpos en turismo;

PROPONAS la ĝeneralan adopton de ununura lingvo por turismo kaj vojaĝa sekureco; kaj

INVITAS la registarojn kaj internaciajn turismajn organizojn kunvoki tutmondan konferencon pri lingvaj problemoj en la turismo.

VENDREDON la 4-a de aŭgusto, 1972

09.00. I.S.U. okazis sub prezido de d-ro Ralph Lewin (ĉar prelegis la rektoro) kaj partoprenis 90 personoj. Prelego estis pri ĉinaj temploj kaj d-ro David Jordan la prelegante montris al ĉeestantoj lumbildojn. Pro manko de tempo, ne okazis formala diskut-periodo, sed la preleganto invitis neformalajn demandojn okazontajn post la fino de la prelego.

09:00. I.S.A.E. okazis sian regulan kunvenon sub prezido de prof. d-ro Boĵa Popoviĉ. Partoprenis 23 personoj el 11 landoj. Unue estis saluto de la prezidanto de ISAE; due diskuto pri la pasintjara labor-raporto; trie, kion ni eldonu. La raporto pri la laboro en la jaro 1971-a estas presita en la bulteno n-ro 34 (maja numero) kaj anticipe sendita al ĉiuj membroj. La medicina revuo ne plu aperas kaj ĝi estu kunigita kun la Scienca Revuo. La Scienca Revuo havu en la estonto pli belan eksteran aspekton. La diskuton partoprenis 12 ĉeestantoj.

09:00. Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj. Okazis sub presido de d-ro Dazinni, Partoprenis 17 ĉeestantoj el 7 landoj. Ĉeestis la estraranoj, d-ro Mario Dazzini, ĝenerala sekretario, f-Dora Anderson, Kasistino; D-ro Dazzini malfermis la kunvenon, bonvenigante la ĉestantojn, kaj dankis al UEA por la ebleco kunveni dum unu tuta tago. Flanke de la Usono sekcio, bonvenigis la ĉeestantojn s-ino Doroteo Holland. D-ro Dazzini raportis pri la statoj de la landaj sekcioj kaj apelaciaj al la instruistaj kolegoj daŭrigi nepre kaj kiel eble plej vaste la instruadon de la lingvo. Li ankaŭ emfazis gravecon de aperado de Internacia Pedagogia Revuo. En la diskuto partoprenis 9 gekolegoj el 5 landoj. S-ino Holland raportis pri la instruado en Usono. En la jaro 1971-a Esperanto estas instruita en 60 lernejoj kun pli ol mil lernantoj. Estis la unua fojo en la historio ke Usona Universitato petis ŝtatan krediton por Esperanto-kurso: nome San Francisco Ŝtata Kolegio. D-ro Dazzini anoncis la estontan ILEI-an konferencon, kiu okazos en julio, 1973-a en Maribor, Jugoslavio. Detaloj sciigoj estas haveblaj ĉe li.
D-ro Dazzini donis la eblecon al la landaj reprezentantoj raporti detale pri la stato de la instruado en la koncernaj landoj. D-ro Dazzini raportis pri la stato de la lingva eksperimento en regiono unu: nome, la landoj Bulgarujo, Jugoslavio, Hungario, Italujo, kaj Aŭstrujo. Regiono 2 ekfunkcias; pluraj regionojn oni klopodas realigi. Je la fino d-ro Dazzini proponis jenan rezolucion kiu estis akceptita en la ILEI-konferenco okazinta en Budapeŝt lastan monaton:

La Konverenco de ILEI, unuiĝo de pli ol 20 landaj sekcioj de instruistoj pri Esperanto. fondita en la jaro 1949 kaj agnoskita de UNESKO la 13an de oktobro 1952a, okazinte la 4an de aŭgusto 1972a en la kadro de la 57a Universala Kongreso de Esperanto en Portland, Oregon, Usono -

Konsiderante ke la ĉefa rolo de iu ajn lingvo estas la interkomprenigo kaj ke la internacia lingvo Esperanto perfekte realigas la aspirojn kaj postulojn de la lernantaro por la rekta interkomproniĝo en la kontakto de homo al homo:

Konsiderante la valoron de Esperanto kiel plej moderna scienca proceduro rilate al la studado de fremdaj modernaj lingvoj kaj por la ko de la kulturoj de la diversaj popoloj;

Ne preterlasante la gravan rolon kiun Esperanto disvolvas por la defendo de ĉiuj naciaj lingvoj kaj kulturoj, daŭre minacataj de iliaj esencaj valoroj;

ILEI Rezolucio..
Substrekante la utilon de Esperanto pro ĝia maksimuma ekzakteco, en la ĝeneralaj lingvistikaj studoj kaj aparte en la moderna lingvistika koncepto strebanta en la saman direkton:

REKOMENDAS
Al ĉiuj Ŝtataj kulturaj kaj edukaj instancoj pristudi la eblecojn disponigitaj de internacia lingvo Esperanto kaj akceli ĝian instruadon kiel eble plej vaste, permesante eksperimentan instruadon laŭ la nun funkciantaj modeloj en diversaj Ŝtatoj.

10:00 Komitato de UEA okazigis sian kunvenon sub prezido de la honora prezidanto Harry Holmes. Unue oni tralegis protokolon de la antaŭa kunsido; poste raportojn de la Komisionoj por Financa Laborplano kaj por Rezolucio. Estis propono de rezolucio de Usona Komitatano; Estrar Raporto; raporto de CED kaj de la kontoj. Multaj komitantanoj partoprenis en la diskuto, kaj fine oni akceptis la jenajn decidojn:
Akceptas financajn kontojn, estraran kaj raporton de CED; buĝeto por la jaro 1973-a; kaj tiun de CED; akceptas kongresan rezolucion; akceptas alternativan proponon de la prezidanto pri aŭspicioj, akceptas la raporton de la komisio pri laborplano.

10:30 Espermensto kunveno okazis inter du socioj Esperantujo kaj Mensa sub prezido de s-ro Phillip W. Trabey el Otavo, Kanado. La membroj diskutis pri la disvastigo de Esperanto inter Mensanoj kaj por informado pri Mensa inter Esperantistoj. Espermenso havas 40 membrojn el 9 landoj.

14:00 ISU okazis sub prezido de la lektoro de ISE d-ro David Jordan. Partoprenis 100 personoj kaj prelegis d-ro Stojan Ĝuĝev pri enkonduko en la fonologio de Esperanto.

14:00 Prepar-Komitato por Pacifika Renkontiĝo okazigis kunvenon sub prezido de S-ino Yukiko Isobe. Partoprenis 30 personoj el 10 landoj. Ili pridiskutis pri la ebleco organizi tut-pacifikan konferencon.

14:00 Delegitoj de UEA okazigis sian kunvenon sub prezido de H.H.Vermaas. Partoprenis 45 personoj el 12 landoj. Prezidanto klarigis al ĉeestantoj la taskon de delegitoj. Dum la diskuto ĉeestis 13 personoj inter kiuj Grattapaglia, Emilija Lapenna, A. Doncis, S. Decal, kaj J. Giladi. Je la fino oni akceptis la jenajn rekomendojn kaj sugestojn: Simila kunveno okazu estonte en ĉiu Universala Kongreso; estonte tiaj ĉi kunvenoj ampleksu ankaŭ ĉefdelegitoj kaj fakdelegitoj. Oni provu per diversaj manieroj plifortigi la kontaktojn inter delegitoj, ĉef-delegitoj, landaj asocioj, kaj lokaj esperantistoj; kandidatigo de delegitoj okazu kiel eble plej multe surbaze de kompetenteco.

15:30 BELARTAJ KONKURSOJ okazis sub prezido de Emilia Lapenna, William Auld, D-ro Julius Balbin..partoprenis proksimume 200 personoj el 20 landoj. La tagordo konsistis el proklamo de la prezidanto pri belartaj konkursoj 1972. Konkursaĵoj alvenintaj el 45 de 49 aŭtoroj de 18 landoj Poezioj originala 43, tradukita 26, prozo 24, dramo 2, ĉiuj premiitaj verkoj deklamas geaktoroj Wm. Auld, Emilija Lapenna, kaj Dr. J. Balbin.

Jen la rezulto:

ORDINARA POEZIO: I. Ueyama Masao,(Japanio) por "al la maro" II. ne aljuĝita III. Albert Goodheir, (Skotlando) por "Hereirebla"
Laŭda Mencio: Nicolino Rossi, (Italio) por "Platanoj"

TRADUKITA POEZIO: I. D-ro Julius Balbin (Usono) por "Sankta Francisco kaj la povraj Judoj" de Josef Wittlin. II. D-ro Julius Balbin (Usono) por "Monologo de la individuo" de Nicanor Parra III. C.D.A. Capp (Anglio) por fragmento el "Rikardo la Tria" dramo de Shakespeare.
Laŭda Mencio: E.W. Mulders, (Nederlandaj Antiloj) por "En vespero mi tre ŝatas" de Pierre Lauffer.

ORIGINALA PROZO:
I. kaj II., ne aljuĝitaj III. Andreo Szabo (Hungario) por "La Legendo".

ORIGINALA DRAMO : Premioj nealjuĝitaj.

NOVA TALENTO : Ĵun-iĉi Ŝibajama (Japanio) por "La putra konkulo : tradukita poemo de Higiwara Sakutarao. La nomo de S-ro Ĵun-iĉi Ŝibajama estas enĉizita sur "Pokalon Karabaĝic".

13,30 SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO okazis sub prezido de S-ino Roan Orloff Stone. Partoprenis 10 personoj el 3 landoj. La tagordo konsistis el : legado de letero de Erik Carlen. Raportojn prezentis : Ursula Grattapaglia (Italujo) Miriam Jaasko (Finnlando) Roan Orloff Stone (Usono). Je la fino ni akceptis presigi novajn salutkartojn, glumarkojn, flugfoliojn. Kontakti parlamentanojn, inviti la Skoltinojn kunlabori.

18,00
OFICIALA BANKEDO

en salono Zamenhof. Preskaŭ 500 partoprenantoj kolektiĝis por komune vespermanĝi kaj libere interŝanĝi siajn opiniojn. Antaŭ ol komenci bongustan manĝaĵon la ĉeestantojn salutis Honora Prezidanto dezirante al ili bonan apetiton.
Je la 20.00 horo oni devis foriri, ĉar oni devis prepari la salonon por la oficiala balo.

21,00

OFICIALA BALO : En la tre amuza parto de la kongreso kolektiĝis ĉiuj estantaj kongresanoj kaj kelkaj gastoj neesperantistoj. La muziko estis bona kaj la ĉeestantoj dancis ĝis ili havis energion. La balo daŭrigis ĝis la 1-a horo matene.

Aldono : Pro malfrua alveno de la raporto ni metas raporton pri filmprezentado sur tiu ĉi bulteno.

Plenplena estis la salono Zamenhof, kie ĉeestantoj povis vidi kelkajn belajn filmojn : pri Belgrado, pri fabriko FIAT, Turino, Aŭstralio, Oslo (Norvegujo).

# KONGRESO BULTENO

57-a Universala Kongreso de Esperanto, Portland (Oregon) USONO
. 29/jul/1972 - 5/aŭg/1972

---



SOLENA FERMO de la 57a Universala Kongreso de Esperanto okazis en salono Zamenhof, Hotelo Hilton, komence je la 10a horo. Unue Honora Prezidanto, S-ro Harry J. Holmes, donis vorton al reprezentanto de Belga Ministerio por Eksteraj Aferoj, poste estis tralegita telegramo de urbestro el urbo, Ayabe (ajabe) Japanujo. Samideano Sadler tralegis telegramojn kiu malfruis kiu ne povis esti tralegitaj dum la malfermo. Prezidanto de la Kongreso petis omaĝi la memoron de forpasintaj gesamideanoj kaj petis leviĝi por kelkaj sekundoj. Sekvis raporton de Ĝeneral Sekretario Gunther Becker, pri ĉefaj laboroj plenumitaj en la kadro de tiu ĉi kongreso. Kiu laboris en tri sekcioj li raportis tre koncize pri ĝeneralaj kunvenoj, pri laboro de la estraro, kaj komitato, pri laboro de fakorganizaĵoj. La estraro pritraktis la Kongresaj rezolucioj kiun la Prezidanto tralegis kaj la kongresanoj akceptas unuanime, kun aplaŭdo. (Vidu ĝin en Bulteno 6)
La Prezidanto de la Kongreso donis vorton al reprezentanto de TEJO, S-ro Matte, kiu informis la kongresanoj pri TEJA laboro. Dum la kongreso ili pridiskutis multajn aferojn legitataj al Junularo. Post tio, S-ino Emilija Lapenna, raportis pri Oratora Konkurso kaj disdonis diplomojn. La Prezidanto de la Kongreso esprimis kontentecon pri tuta LKK kiu laboris en tuta plena harmonio. Komencis kun la deĵorantoj de la loĝiga servo ĝis helpantoj kiuj laboris en la Gazetara Servo. Prezidanto de la Kongreso elkore dankis al LKS, Novan Nikulás kiu havis malfacilan taskon organizi kune kun LKK ĉi kongreso. Ne nur organiza problemo li havis, sed ankaŭ lingva ĉar li havis kontakton kun lokaj anglaj parolataj homoj kaj kune kun edzino kaj filino li sukcesis alkutimiĝi al usona vivo.

Aldone, li dankis al tiuj, kiuj laboris ĉe la Gazetara Servo kiu ĉijare organis kaj gvidis S-ro Krstić Koma kune kun S-ro Kent Jones sukcesis fini ĉiuj laboroj ĝis sabat-vespero kiam preskaŭ ĉiuj kongresanoj foriris for de la kongresejo. Venis kortuŝa momento de simbola transdono de la Kongresa Flago al la reprezentanto de la Kongreso en Beogrado. Profesoro Inĝinero, Prezidanto de LKK, Šponjić Momčilo kiu je la nomo de la LKK de 58a Universala Kongreso esprimis bondezirojn al Beogrado kie la kongreso okazos. Li diris ke jam multo estas farita sed atendas nin ankoraŭ malfacilan laboron. Li apelicas al geesperantistoj aliĝi pli frue por ke plifaciliĝu la laboron de la LKK. Li esperas ke venos preskaŭ 4,000 partoprentoj. S-ro Becker dankis la Honora Prezidanto kiu krom tio ke li ne estas aktiva komitanto ĉiam helpas ĉiajn kongresojn, speciale se ili okazas ekstere de Eŭropo. Post tio ĉiuj ĉeestantoj kantis La Esperon kaj la Honora Prezidanto, S-ro Harry J. Holmes, fermis la kongreson.

Speciala pro siaj grandegaj helpoj Gazetara Servo dankas al ĉiuj helpantoj kiu helpis ke nia Gazetara Servo funkciu kiel ĝis nun. Aparte ni dankas al S-ro L.Chiiginn, Ottawa, Kanado, al S-inoj D. Holland, A.Fighiera Pro manko de helpantoj, kaj tiu kiu bone regas la lingron organizanto de la Gazetara Servo petas legantoj komprani nian situacion. Se ili trovos pres erarojn aŭ mal bone formulitajn frazojn, pardonu nin.

Organizanto de Gazetara Servo..Krstić Koma